# KATOLIKA MONDO

Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika“ (Ika), de „Mondjunularo Katolika“ (Moka), de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo“ (IKEO) kaj de „Blanka Kruco“ (Internacia misio katolika)




Numero 8, 1923/24 | Graz, Aŭstrio | Decembro | III. Kolekto 1923/24


## Kristo, la princo de paco!

### Internacia memorfesto por la enciklikο „Ubi arcano Dei“.

Paco! Ĝojiga vorto, plena de ĉiu ĉarmo, de ĉiu espero, de ĉiu ĉiela dolĉeco! Paco, sopire dezirata de la gentoj kaj popoloj, depost kiam la homoj forlasis la paradizon de senkulpeco kaj erarante inter kulpo kaj peko, morbo kaj morto, larmoj kaj mizeroj migradas la sangoruĉan vojon de l' vivo tra la senlumaj, senakvaj, senripozaj dezertoj de malamo kaj milito, de detruo kaj neniigo . . .

Ho se ni kapablus aŭdi la malbenojn de homaj buŝoj elspirantaj, la ĝemojn de patrinoj forlasitaj, la larmkriojn de senpatrigitaj infanoj, la dolorsopirojn de malfeliĉaj fianĉinoj! Se ni povus vidi la fluegojn de sangoj kaj larmoj, kiuj dum la miljaroj naskiĝis el tiu unu fonto krima: la milito! . . . Ho eble ni tiam povus iom ekkompreni la helpkriojn de la koroj, la sopirojn de la animoj, la ĝemadojn de la popoloj je tiu ĉiam deziregata, neniam atingata regno de paco inter homo kaj homo, inter klaso kaj klaso, inter popolo kaj popolo!

Sed vane, sensukcese sopiras, ĝemadas, plorkrias la naciaro! Ĉiam denove elkreskas el la nemortigeblaj pasioj de la homa koro: la malamo, la avareco, la fiero, la malsato je oro kaj trono kaj superrego, kaj el tiuj malpuraj fontoj ĉiam donove ekstaras grandege, ĉiondetrue, la milito, la fratomortigo, la ruino!

Fakte, kien ajn vi metu la piedon: la tero estas ruĝigata per homa sango kaj la tuta mondglobo estas kvazaŭ nur tombejo senlima kie blankiĝas timige la ostaroj de la militmortigataj.

Ho kruela sorto de la homa generacio, kiu per unu mano konstruas kun peno kaj sudo, kaj per la alia detruas; kiu dum unu tago kreas vivaĵon, kaj aliatage militmortigas la propran infanon. Ĉu nenie estas eliro el tiu tragika sorto? Ĉu nenie estas savo el tiu eterna malbeno de la peko? Ĉu la malbono por ĉiam devas esti princo de l' mondo?

Antaŭ multaj centjaroj estis homo, lumigata de Dio, plena de sankta spirito. Meze de malluma, idolana periodo li ekstaris kun forto kaj potenco. Kaj tiu dioplena homo vidis en spirito la venontan regnon de paco kaj per profeta buŝo li anoncis al siaj kunpopolanoj la grandan misteron pri la estonta pacoregno eterna kaj milda princo de paco.

„Ĉar infano estos naskigota al ni, filo donota kaj super liaj ŝultroj estos la regno; kaj oni diros lian nomon: Mirindulo, konsilanto, forta heroo, patro de estonto, princo de paco . . .“

„Kaj branĉeto elkreskas el la radiko de Jesse, kaj floro eliras el ĝia radiko; kaj la spirito de l' Sinjoro ripozos super li . . .

Kaj la lupo loĝas ĉe la agno kaj la tigro ĉe la kapreto; bovido, leono kaj ŝafido kune paŝtiĝas kaj eta knabo direktas ilin; kaj la bovido paŝtiĝas kun la urso; iliaj idoj pace dormas kune, kaj la leono manĝas pajlon kiel la bovo . . . Kaj oni ne malutilas, oni ne mortigas sur tuta mia monto sankta . . .“ (Jesaja).

Gaju fratoj, kaj ĝojegu kaj jubilante laŭdu la kompatemon de Dio. Ĉar kion la profeto vidis nur en mistera malhelo, en malproksima periodo venonta: por ni ĝi estas helega, klarega realeco, plej proksima estanteco. Al ni estas revelata la granda mistero de la Dia regno; al ni sendis la ĉiela patro la sanktan „evangelion“, la „ĝojigan sciigon“ pri la eterna pacregno. Por ni devenis la Dia filo mem kaj enkarniĝis en Maria, la virgino, kaj estiĝis nia frato laŭ la karno. Kaj li starigis la novan regnon de paco eterna, kiu ne havos finon kaj limon ĝis la ĉeso de tempoj: la Dia regno, kies gloroj kaj belecoj estas kaŝataj al la granduloj kaj fieraj mondestroj, sed klarigataj al la humilaj kaj malgrandaj.

Ho, la princo de paco venis al ni, mizeruloj, kaj tiu estas la unua vorto de sia evangelio, de sia „ĝojiga revelacio“: „La regno ĉiela estas proksima al vi.“ Jes la Dia regno venis al ni; ĝi estas meze de ni; ĝi volas vivi kaj efiki en ni kaj kun ni! . . .

Sed la homoj ne ĝin akceptas; ili ne komprenas ĝin. Pro korblindeco, ili rifuzas ĝin. Kaj tial estas malproksime de ili la paco; kaj tial ili vante serĉas ripozon; kaj tial alia diaĉo estas ilia estro: la malbono, la malamo, la perforto, la mortigo, la ruino, la mizero.

Ĉar tio estas la principa ordono de la nova regno, la deviga devizo de la princo de paco: se vi volas eniri en tiun ĉi regnon, vi devas elradike, elfunde novnaskiĝi. Via animo devas tute konvertiĝi, tute aliiĝi. La homaj aspiroj, la malbonaj pasioj, la nurteraj zorgoj kaj deziroj devas morti, kaj la Dia vivo, la Dia forto devas naskiĝi en vi: kaj tiu nova naskiĝo el Dio, jen tio estas la komenco de la Dia regno en via animo: jen per tio naskiĝas la princo de paco en via koro!

Kristo, la princo de paco! Ho ke ni ekkomprenu fine la profundegan enhavon de tiu vorto! Ĉiu individua animo devas estiĝi lia trono, lia loĝejo: el ĝi kaj per ĝi devas

## Kiel la kara Dio la malgrandan Engelberton gardis kaj pli poste sin lasis gardi de la granda Engelberto.

Stranga kokvirhistorio originale verkita de Josefo Mockenhaupt.

II. (Daŭrigo.)

Precize dekdu jaroj estis pasintaj depost kiam la kokviro nove orumata estis ricevinta sian altan placon sur la preĝejoturo de Engelberto. Depost tiu vetera tago, kiam ĝi faris tiom malbonajn spertojn, ĝi ne plu volis havi rustiĝintajn piedojn, sed ĉiam ĝustatempe rigardis la veteron. Tamen ĝi ne estis strikrompulo kaj, laŭ decido de la Vestervaldaj veterkokviroj, ĝi preterlasis ĉiun kriadon. Centmilfoje ĝi estis turniĝinta dum la dekdu jaroj: kvindekmilfoje ĝi vidis zorgeme en la vetertruon, sed poste ĝi precize tiomfoje rigardis en la sunangulon, tiel ke oni devas juste konfesi, ke ĝi ne nur estas fiera kaj sciaspirega, kaj ankaŭ tre diligenta en sia profesio kaj tre justa.

Sed en la dekdua jaro de sia novorumuta vivo al ĝi okazis granda eraro; ĉar ĝi ne vidis la grandan veteron, kiu sin montris je la ĉielo kaj certe estis la plej terura vetero, kiu iam eksplodis sub la ĉielo. Tiel malmulte ĝi rimarkis ĝin, ke ĝi ankoraŭ tute ĝoje revis en la sunangulon kaj ĝuste pensis je la riĉa fojnrikolto, kaj ke nun baldaŭ estos tempo por falĉi la grenon, kiam tiu vetero kiel fortega urugano ektondris tra la tero kaj ĉion tremigis. Tio estis la mondmilito, ja popolmortigo, kiun la infero dekatenis.

La malgranda Engelberto dume estiĝis granda Engelberto. Li foriris el la Vestervaldo kaj vivis en urbo, kie ofte kaj longe li alrigardis ĉiujn ajn librojn kaj sennombrajn krajerojn skribplenigis. Kaj finfine li diris: atentu! Nun estas eble. Kaj tiam li pruvis per brilanta ekzameno, ke li parkere scipovis la tutan gimnazion. Multajn semajnojn poste li portis longan nigran vestaĵon, precize kiel pastro: sed li ne estis pastro, sed nur feliĉa seminaristo, kiu — Dio ĝin scias — je ĉio pli volonte pensis ol je militado, kiam la mondbrulado ekbruliĝis. Tiam eksonis ŝtalbrile kaj malmole kaj devige la alvoko de la patrolando.

Ankaŭ en la episkopa seminario preparis sin ĉiuj, kiuj ne ankoraŭ havis la sanktajn konsekrojn, por defendi la patrujon. Ne longe, kaj nia Engelberto staris kiel soldato sur la militkampo en pafista foso. Tie estis ĉio tute alia ol en la episkopa seminario . . .

Iutage nun dum la longa somero okazis io tre goja por la koro de nia Engelberto, pri kies efektigo la tuta tera kaj mara armeo lin prave povis envii. Sed ĉar Engelberto estis parto de tiu ĉi armeo, lia honoro refalis al ĝi. Sed ankaŭ la grandega armeo de naŭ anĝelohoroj kaj la kun ili unuigita sanktularo antaŭ la Dia trono, ne povis ricevi pli honoran ordonon ol li. Ĉar Engelberto devis alporti la plej sanktan Bonon el la preĝejo tra la tuta militkampo ĝis la plej antaŭa fronto. La kara Dio konfidis sin al la malriĉa soldato Engelberto. Tiu devis gardi la Savinton kiel en sanga prakrista persekutado la sankta Tarcizio.

Estis terura batalado. La tuta lando kuŝis en la sangoruĝa fajro de la milittorĉo, kiu brulis, lumbelege kaj vaste tra la erikejo. Kaj la plej terura militfulmotondro staris je la malhela ĉielo. Engelberto spontane memoris la sakramentiron antaŭ tiom da jaroj tra la ruĝa erikejo supre en la Vestervaldo. Kaj kiel tiam en la fajro de Sankta Elmo kaj la sekvanta fulmotondro, li ankaŭ nun sin sentis tre gardita per la kara Dio. Sed tie ĉi fakte furiozis inferaj potencoj kaj la fivetero, sendita per ili, estis multe pli timiga. La fajro, kiu flamas ĉirkaŭ li, fakte estas diabla fajro, naskiĝinta el la malamo kaj avido de la popoloj. Ĉiumomente povis lin trafi mortiga kuglo aŭ dika granado dissiri en mil pecojn. Vere li estis malbona gardilo por la sankta Eŭkaristio. Kaj li komencis preĝi:

„Kara Dio mia! Vi hodiaŭ dignigis min, porti vin sur mia mizera korpo, vin defendi per mia sango. Kiu do mi estas? Vi estas la sinjoro de vivo kaj morto. Do, se vi hodiaŭ vin donis en mian gardon, mi tamen pli multe kaj ĉiam bezonas vian ĉiopovan defendon. Mi kaj la tuta mondo. Kaj tial mi vin kore petas: unue helpu al mi porti la sanktan Sakramenton sen difekto ĝis la fronto kaj ne permesu, ke iu malutilo okazu al via servisto; due helpu, ho bona Dio, al tiu ĉi malfeliĉega mondo kaj finu la mortigan mondmilito. Detruu per via forta mano tiun ĉi entreprenon de la infero kaj realvenigu la pacon! Vian pacon! La pacon da viaj infanoj! . . .“ Tiel preĝis Engelberto.

## Prelato M^sro A. Gießwein †.

**Ĉuste antaŭ presigo de tiu ĉi numero nin surprizas la doloriga sciigo, ke nia kara, altŝatata kunprezidanto Prelato A. Gießwein, Budapest, per subita morto foriris de ni je la 16a de novembro. Kun granda doloro kaj plej kora danko ni staras ĉe la tombo de tiu senlaca pioniro de internacia katolika pacagado, pri kies vivo ni raportos pli detale. La bona Dio, la patro de paco certe vokis tiun ĉi amoplenan animon en la eternan pacan ripozon! Preĝu ni! — R. I. P.**

elflui la ĉielaj, diaj fortoj, kaj tiuj ĉi devas unuiĝi al grandega, rapideganta fortofluo de Dia vivo, kaj tiu fluego devas trapenetri ĉiujn homajn rilatojn kaj agojn. Kaj tiel Kristo devas akiri la mondon, tiel starigi la princan regnon de paco.

Tiel plenumiĝas la sanktaj ordonoj, kiuj estas la eternaj fundamentoj de la regno de paco: amu vian proksimulon kiel vin mem! Kaj la alia: amu viajn malamikojn, preĝu por la persekutantaj vin...

Kiam malproksime estas la Dia regno de ni! La peko reĝas kaj la diablo triumfas kaj ĉie starigas la regadon de sia malpaco kaj malamo!

Ho sankta Jesuo! Estro de la mondo el eterno; superflua vivo kaj senfina amo. Por estiĝi la milda princo de paco inter la homoj kaj popoloj vi devenis el la ĉielaj gloroj kaj estiĝis infano! Kaj kiel humila kaŝita infano vi estiĝis reĝo tutmonda kaj donis al la homaro la grandan revelacion de via regno, kiu estas regno de amo kaj paco. Elverŝu la sanktan fajron de via amo kaj forto en la korojn, ke ĉiuj superfluu de via vivo mistera.

Kaj tiam vi estos princo kaj reĝo en ĉiu koro kaj animo, en ĉiu familio kaj domo, en ĉiu urbo kaj ŝtato, en la tuta naciaro: kaj tiam la tuta homaro estos universa tabernaklo de via Dieco kaj la tuta tero la trono de via majesta Reĝado. Kaj estos for de ni ĉiu peko kaj krimo, ĉiu malamo kaj milito kaj mortigo. Kaj de la oriento ĝis la okcidento eksonos la laudohoroj de via ĉiela Patro, kaj ĉiuj ekprenos la manojn, unuj de aliaj, kaj unu jubilan himnon ili ekkantos kune kun viaj sanktuloj:

**Vivu Jesuo la princo de paco!**

## Programo.

Nun alproksimiĝas unuafoje la datreveno de publikigo de la granda paca enciklikο „Ubi arcano Dei“ per nia Sankta Patro Pio XIa. Kiu belega propono de nia altŝatata kunprezidanto Don Ernesto Vercesi, ke ĉiuj fratoj katolikaj unuigu sin dum Kristnasko por festi la principojn de tiu granda encikliko en la tuta mondo katolika! Jam kreiĝis internacia komitato iniciata, inter kies membroj troviĝas la prezidanto de Ika, por propagandi kaj popolarigi tiun ideon en ĉiuj katolikaj rondoj!

Karaj amikoj diverslandaj! Sekvu ni ĉi tiun grandaniman iniciaton. Se jam ne estas eble festi la memortagon per granda demonstracio, festu ĝin almenaŭ en malgranda rondo! Pensu, kiu ĝojo por la Dia infano, kiu konsolo por la Sankta Patro Pio XIa, se kiel eble multaj kristanaj koroj unuiĝus je la festo de paco, por denove sin enkuraĝigi al senlaca laboro por la kristana paco.

Sube vi trovos malgrandan programon, kiun oni ŝanĝu laŭ la specialaj bezonoj. Sed ĝenerale la kunveno havu pli religian ol mondan karakteron, por ke la ĉeestantoj fakte ekprenu internan frukton. Plej facile oni povas inviti la kunvenontojn, ke ili ankaŭ estonte sin okupu per tiuj demandoj kaj eble oni sukcesas per tio, krei novan Ika-rondon.

### Programo proponata.

1. Laŭtlego de la Kristnaska evangelio aŭ de teksto ĉe Johano: Ut omnes unum!
2. Alparolado: Kristo, la princo de paco.
3. La porpacaj instruadoj de la encikliko „Ubi arcano Dei“ kaj aliaj porpacaj manifestadoj.
4. La nuna tasko katolika porpaca: „Ĉiu katoliko estu pacigulo“.
5. Kie ŝajnas oportune, oni proponu resolucion, per kiu oni dankas al la Sankta Patro por la ĝisnunaj packlopodoj kaj petas, ke li laŭeble donu klarajn direktilojn por la kristana popoljuro, proponante eble tiun taskon al la venonta Vatikana koncilio.

* * *

Ĉiuj niaj samideanoj estas kore petataj, ekpreni la iniciaton en siaj urboj. Ne estas decida, kiu persono aŭ kiu organizo prenas sur sin la aranĝon. Ne estas decida, ĉu estas granda aŭ malgranda rondo, kiu festas la memortagon:

**La ĉefaĵo estas, ke la ideo de internacia porpaca festo disvastiĝu iom post iom en la tuta mondo katolika. Ĉiu reskribu tuj per poŝtkarto!** K. M.

## Gazetara festo en Jugoslavio.

Kun granda intereso mi legis mallongan raporton pri la gazetara konferenco dum la konstanca kongreso kaj kun pli granda intereso atendas la publikigotan raporton pri la katolika mondgazetaro.

Ni kroatoj havas jam de kelkaj jaroj Pijevo društvo (Societo de Pio), tiel nomitan laŭ la germana samcela Pius-Verein. La societo aranĝas ĉiujare la 29an de junio „Dan dobre štampe“ (Tago de la bona preso): dissendas al ĉiu kroata katolika paroĥo presitan predikon pri la katolika preso, el kiu la pastroj povu ĉerpi informojn kaj pensojn. La episkoparo ordonis, ke en tiu tago en ĉiu preĝejo estu prediko pri la katolika preso. Kun permeso de la tuta kroata episkoparo oni kolektas en preĝejoj por la katolika gazetaro. Ekster la preĝejo kelkaj agademaj personoj kolektas pli grandajn donacojn de la firmoj, entreprenoj ktp. La tiel kolektitan monon oni sendas al la Societo en Zagreb, de kiu oni dekon sendas Romon kiel obolon de Sankta Petro, kaj la restan disdonas al katolikaj folioj.

Komence de ĉi tiu jaro la societo aranĝis (kaj poste ankaŭ aranĝos) la „blankan semajnon“ por kolekti abonantojn por katolikaj gazetoj.

La societo kolektas sufiĉe grandan sumon da mono. Sed ĉar estas nur tri milionoj da katolikaj kroatoj, el ili la plejparto ne scias legi, tial multaj cetere necesegaj gazetoj ne havas sufiĉe da abonantoj, la societo ne povas al ĉiu ĵurnalo tiom helpi, kiom ĝi volus. Antaŭ milito ekzistis kelkaj katolikaj kroataj tagĵurnaloj, eĉ post la milito ekzistis ankoraŭ kvar ĉiutagaj gazetoj, sed la kreskanta kareco de la presado kaj papero (kun kelkaj politikaj cirkonstancoj) efikis, ke jam de kelkaj monatoj ni ne havas nek unu katolikan ĉiutagan ĵurnalon. La nomata Pijevo društvo decidis antaŭ nelonge komenci kun la speciala agado por ĉiutaga gazeto.

La ĉefajn laborojn de la societo gvidas advokato S^ro D^ro S. Markulin kun S^ro D^ro Jos. Andriĉ.

Ekspozicio de la katolika preso. La kroata katolika presa kaj eldona societo Narodna Prosvjeta (Popola klarigo) en Zagreb aranĝis komence de la kuranta jaro la unuan kaj dum la eŭharistia kongreso (en aŭgusto) la duan ekspozicion de la kroataj katolikaj libroj kaj gazetoj. En la kroata ĉefurbo Zagreb kun ĉirkaŭ 100.000 katolikoj havas nur unu malgrandan katolikan librovendejon, la societo, kiu posedas propran presejon kaj en Poĵega (Slavonio) librovendejon, malfermis ankaŭ en Zagreb malgrandan librovendejon ne povante ricevi pli grandan ejon. Ĉar tiuj ambaŭ vendejoj ne povas montri ĉiujn katolikajn kroatajn librojn, la Narodna Prosvjeta decidis dufoje ĉiujare aranĝi ekspoziciojn en granda salono, kie sur la tabloj estas dismetitaj ĉiuj aĉeteblaj bonaj libroj.

La societo estas kun la materiala sukceso de tiu du aranĝoj kontenta, sed ĝi estas precipe kontenta kun la morala sukceso. Disdonante flugfoliojn oni altiris multajn, kiuj ne scias, ke ekzistas katolika literaturo; tiuj trarigardis katolikajn verkojn, legis katolikajn gazetojn, ĉar meze de la salono estis kelkaj tabloj por la legado, unu aŭ alia eĉ aĉetis ion por si aŭ por sia infano.

La ekspozicio daŭris ĉiam tri tagojn, eniro estis senpaga, nek iu devis ion aĉeti. La vizitantoj estis tute liberaj, ne molestitaj, ke ili aĉetu, kaj tamen apenaŭ estis iu, kiu nenion aĉetis.

J. Benkoviĉ, Zagreb.

## Ĉu katolika dispartiĝo?

### Publika letero al la katolikaj idistoj.*)

Karaj fratoj!

Mi ne volas ataki, eĉ ne volas konverti vin. Tute ne! Atako kontraŭ internaj konvinkoj estus sensukcesa! La interna sincera konvinko estas sanktaĵo. Tiun ni ne tuŝu! Kontraŭe! Laŭ la eterna principo de nia granda okcidenta patro, Sta Aŭgustino, nia devizo estu: in dubiis libertas: en dubaĵoj libereco. Ĉu Esperanto, ĉu Ido: tio ne tuŝas la fundamenton de nia kredo! do estu libereco!

Kaj konverti vin? Tute ne! Ĉar ni esperantistoj katolikaj estas konvinkitaj, ke via intenco estas pura, sankta, sincera: nome per helplingvo servi la sanktan eklezion, same amatan de ni kaj de vi!

Fratoj! Ni volas kompreni vin! Ni volas frate interŝanĝi la opiniojn kaj eble ni trovos per tio komunan bazon por komuna agado. Jes, vi havas bonan volon, puran intencon, sanktan celon: per internacia helplingvo servi la Dian regnon sur tero! Jen, kiu feliĉa unueco de spirito, de celo! Ĉar vi ja certe ankaŭ kunsentos kun ĝoja koro: ke nia intenco estas same sincera, ke nia celo estas same sankta, ke nia volo estas same bona: nome per internacia helplingvo utili la sankton katolikan eklezion, disvastigi la spiriton de krista fratamo inter ĉiuj kristanoj, inter la tutmonda frataro katolika!

Ho feliĉa unueco de la intencoj, voloj, koroj! Ho belega fundamento de amo kaj kunagado en la Spirito Sankta!

Fratoj! Ĉu ne estus peko kaj krimo kontraŭ la Dia regno, kontraŭ la sankta spirito de amo, se ni volus agadi unuj kontraŭ la aliaj! Ne! Neniam agadu fratoj kontraŭ fratoj! Se vere ne estus trovebla vojo al komuna agado, ni almenaŭ laboru unu apud la alia, sed neniam unu kontraŭ la alia! Ĉar per batalo ni detruus la komunan fundamenton, neniigus la finan sukceson, malebligus la grandan komunan celon: per internacia helplingvo servi al la sankta Dia regno sur tero!!

Fratoj! Kio disunuigas nin fakte? Komuna estas la celo! Komuna estas la spirito, komuna estas la ideo, komuna estas eĉ la ilo: per internacia mondhelplingvo servi al la sankta eklezio! Kio do disigas nin? Ĉu ne kelkaj malgrandetaj eksteraĵoj, kiuj fakte estas nenio kompare al la granda komuna celo, kompare al la nobla, grandioza tasko solvota: per unuecca helplingvo faciligi la internacian kunagadon de la katolikoj? Ĉu tiuj eksteraĵoj disigu nin kaj danĝerigu per tio la finan komunan celon?

Ni ne diskutu hodiaŭ pri lingvaj demandoj; ĉar por la Dia regno estas apudaĵo ĉu la vortoj finiĝas per oj aŭ i aŭ e al ĝlie. Ni ne diskutu pri la pli granda taŭgeco; ĉar en ambaŭ idiomoj aperis teologaj verkoj, kiuj estas tute senerarai laŭ la doktrino! Cetere, kion ni volas? Nek vi idistoj, ne ni esperantistoj volas aŭ povas anstataŭigi la antikvajn kaj per la tradicio sanktigitajn liturgiajn lingvojn: la greka, latina, sira ktp.! Pri tio ni ne estas kompetentaj, pri tio decidos nur la eklezia aŭtoritato. Kaj verŝajne — la eklezia aŭtoritato, vidante dispartiĝon decidos nek pri unu, ne pri la alia! Do ĉefa kaŭzo, ke ni trovu la unuecon!

Sed la momento, kiam la eklezia aŭtoritato decidos pri iu helplingvo, certe ankoraŭ ne estas veninta! Ĉar se la eklezia aŭtoritato decidus oficiale pri iu helplingvo internacia nova, tiu helplingvo jam devus esti disvastigata almenaŭ inter la plimulto de katolikaro. Sed hodiaŭ eĉ ne unu per mil konas helplingvon: nek Esperanton nek alian.

Kio do okazos. Verŝajne la eklezia aŭtoritato, kiel ĝis nun enkuraĝigos la enkondukon de internacia helplingvo, kiel tre taŭga ilo de interpaciĝo nacia! Sed la momento, kiam oni povas atendi pli, laŭ nia opinio modesta ne ankoraŭ estas veninta! Sed tiu momento

*) Estas bedaŭrinda fakto, ke en kelkaj landoj la agado de katolikaj idistoj malhelpas iomete la rapidan progreson de Esperanto. Ni ja certe estas konvinkitaj, ke ili agadas bonintence. Tamen ŝajnas al ni precipe inter la katolikoj plej necese, havi unuecan fronton ĝis la fina venko. Tial ni permesas la publikigon de tiu artikolo, kiu laŭ sia intenco ne volas ataki, sed unuigi.

# Instruadoj pri la internacia juro en la encikliko „Ubi arcano Dei“ kaj aliaj papaj pacmanifestadoj.

Per Mgro Dro Nik. Pfeiffer, Kaŝovice.

(Fino.)

**B. La aplikado de la principoj.**

1. Neniu nacia malamo: La papo en sia encikliko plendas, ke la malamo inter la popoloj ĉiam daŭras. Se la rajtoj de unu popolo estas lezataj, ĝi estas rajtigata postuli rebonigon de la rajto lezata. Sed neniam estas permesata aldoni al tiu rajto malamon aŭ venĝsentojn. Benedikto XVa ree kaj ree diras al ni, ke la popoloj devas ĉesi sin detrui reciproke.

2. Honesteco ankaŭ en la internacia politiko: Sen honesteco ne estas feliĉo kaj paco inter homoj. Kelkfoje malhonesteco povus alporti momentajn utilojn. Sed tiuj ne daŭras. Tio valoras ankaŭ por la internaciaj rilatoj. Nur la honesteco povas konduki al sincera, t. e. daŭra paco. Tial la papo ankaŭ kondamnas la trompŝajnigon de la modernaj diplomatoj.

3. Oni ne devas kunagadi en la financaj manovroj malutilaj: La mono estas interŝanĝilo stabila. La ŝanceliĝo de monvaloro nacia, kaj precipe la daŭra malaltiĝo estas katastrofo por ŝtato; nur kelkaj parasitaj rondoj el tio profitas maljuste, dum la resto de la popolo plej multe suferas.

Tial estas peko kontraŭ la kristana moralo, se oni kaŭzas aŭ kunagadas, ke la monvaloro de iu ŝtato ŝanceliĝu aŭ malpliiĝu. Tio ne nur estas krimo kontraŭ la koncerna popolo sed pro la solidareco ekonomia, krimo kontraŭ la tuta homaro ekz. la bonvalutaj ŝtatoj ne plu povas vendi siajn produktojn.

El tio rezultas gravaj konsciencaj devoj ne nur por la ŝtatestroj, sed ankaŭ por ĉiu privata persono koncerne la monvaloron de la propra kaj fremdaj ŝtatoj. — Kion oni dirus pri la teologioj de mezepoko, se ili ne estus plej forte batalintaj kontraŭ la juro de pliforto, kontraŭ la mortigo, la rabado, la perforto: kaj kion oni diras pri ni, se ni en niaj laboroj por politika kaj ekonomia moralo, en pastra servo, en la konfeso, prediko, instruado de la katekismo, en la unuiĝaj kunvenoj ne batalas per ĉiuj fortoj kontraŭ tiu internacia rabado, konsistanta en artefarita ŝanceliĝo de monvaloro en propra aŭ fremda ŝtato!

4. Oni ne devas disvastigadi malamon per la gazetaro: Laŭ la papo la malamo precipe sin manifestas en la gazetaro. Vere estas malinda de tiu granda ilo por disvastigadi ideojn, ke ĝi sin fordonas al tiu aboneminda agado por eksciti unu popolon kontraŭ la alia. La krueleco de gladiatoraj bataloj estas neniaĵo kompare al la kruelaj efikoj de la malamo, disvastigata per la gazetaro. Tiuj, kiuj havas konsciencon pri sia respondeco por ĉiu vorto skribita antaŭ la Dia tribunalo devas sin demandi ĉiuvespere, ĉu ili pekis kontraŭ la fundamenta leĝo kristana: la amo ne nur por la propra popolo, sed ankaŭ por la fremda, eĉ malamika popolo!

5. La internacia solidareco de la artoj kaj sciencoj: La Dia providenco donis al ni papon, kiu dum plej multa vivtempo laboris por scienco. El tio li havas specialajn spertojn riĉajn, ke la limo de unu ŝtato neniam povas esti limo de arto aŭ scienco homa, ĉar la genio de unu popolo kompletigas tiun de alia; ekzemple estas plej grava por scienco ke la sinteza genio de la latina raco estu kombinata kun la analisa genio germana. Tial la papo deklaras kontraŭ la naturo de arto kaj scienco, se ili servas al la internacia malamo.

En sia encikliko Papst Pio XIa plurfoje memorigas sian anteulon, Benedikton XVan. Tial estas tre grava aldoni kelkajn instruadojn de tiu plej influa papo, kiuj hodiaŭ havas ankoraŭ saman aktualecon, precipe tiuj esprimitaj en la letero skribita al la estroj de militantaj ŝtatoj (aŭgusto 1917).

6. Samtempa senarmiĝo: Papo Benedikto postulas justan interkonsentiĝon pri malpliiĝo samtempa kaj reciproka de la armiloj, laŭ certaj reguloj kaj la bezonoj por garantii la internan sekurecon de la ŝtatoj.

Tiu propono de ĉiuflanka kaj samtempa senarmiĝo ne nur estis aktuala dum la milito, sed valoras ĝis hodiaŭ. Tial ankaŭ Pio XIa plendas, ke la militema spirito ĉiam daŭras, kaj ree esprimas la timon, ke ekrompos pli teruraj militoj, kiuj detruus komplete la naciojn.

Se oni legas pri la novaj armilaroj kaj mortinstrumentoj militaj kun tuta tia terura estonto, oni tuj memoras la vortojn de Benedikto XVa, kiu en letero al Kardinalo Vanutelli plendas, ke oni uzas armilojn en tera kaj mara militoj, kiuj estas kontraŭ la leĝoj de la homaro kaj la internacia juro.

7. Internacia arbitracia tribunalo: Post tiu samtempa kaj reciproka senarmiĝo, oni devus laŭ la proponoj de Benedikto XVa sammezure krei institucion arbitracian, kun plej alta repaciĝa plenpovo, laŭ normoj fiksotaj kaj kun certaĵ fortiloj por agadi kontraŭ ŝtatoj, kiuj refuzas rekoni la internacian decidon.

Tre noblaj iniciatoj fariĝis dum lastaj jaroj en tiu direkto, sed la efektoj certe estas tre modestaj. Pro tio la Sankta Patro plendas, ke ĉiam ankoraŭ ne ekzistas homara institucio, per kiu oni donus al ĉiuj popoloj komunan juran ordon laŭ la bezonoj de la moderna tempo. Dum la mezepoko, li diras, estis tia Ligo de la Nacioj per la solidareco de la kristanaj popoloj.

Kiom malproksime ni estas de la instruadoj de la granda teologo Francisko de Victoria (unua duono de 16a jarcento). En la libro „De jure belli“ li fiksas tiom severajn regulojn por justa milito, ke neniam ĝi povus eksplodi, se ambaŭ flankoj ilin plenumus. Kaj en sia traktado „De postestate civili“ li diras: Kiel ĉiu ŝtato estas parto de tutmonda universo, tiel pli speciale ĉiu kristana ŝtato estas parto de la kristana respubliko (= unuiĝo de ĉiuj kristanaj ŝtatoj): se do iu milito estus utila al unu provinco aŭ unu aparta ŝtato, ĝi certe estus malutila al la universo aŭ al la universaleco kristana...“ Francisko Suarez, S. J., postulas ĉe konfliktoj inter du ŝtatoj la starigon de senpartia arbitracia tribunalo kun juĝistoj elektataj interkonsente per du partoj.

8. La libereco de komerco kaj de la maroj: Plua postulo de Benedikto XVa estas, ke oni forigu ĉiujn barilojn por internacia interkomunikaĵo de la popoloj, garantiante per reguloj fiksotaj la veran liberecon de la landoj kaj maroj. Per tio oni neniigus multajn kaŭzojn de konfliktoj kaj malfermus novajn fontojn de prospero kaj progreso. Plej interesaj estas la tiurilataj doktrinoj de Fr. de Victoria, kiu postulas por ĉiu homo la rajton restadi kaj komercadi en ĉiu ajn lando, samrajte kiel la enlandanoj. Estus maljuste al iu popolo malpermesi la komercadon en iu alia lando; forpeli fremdlandanon aŭ fari ekceptoleĝojn por li estus malhominda kaj nur justigata okaze de milito.

Kiom malproksime ni estas de tiu normo! Sed la leĝoj de homara solidareco ne senpune estos malplenumataj!! —

9. La problemo de la reparacioj: Benedikto XVa starigas kiel ĝeneralan principon, ke oni devas ilin reciproke redoni. Kiam al tio kontraŭstarus certaj kaŭzoj, oni devus ilin pripensi plej diligente. Kaj Pio XIa aldonas, ke oni ĉe la reparacioj devas respekti la pagkapablecon de la ŝuldanto.

10. La teritoriaj demandoj kaj la naciaj aspiroj de la popoloj. Laŭ Benedikto XVa la teritoriaj demandoj devas esti ekzamenataj per repaciga spirito, respektante la justajn aspirojn de la popoloj. Pli ofte la papo tion akcentas kaj Leo XIIIa diras en la encikliko „Libertas praestantissimum“ (20an de junio 1888), ke ne estas kondamnata per la eklezio, se iu popolo aspiras la sendependecon por vivi laŭ propraj leĝoj, se tiu agado ne lezas la justecon, sed uzas la leĝajn ilojn. Francisko de Victoria azertas ke eĉ la sovaĝoj rajtas havi la politikan sendependecon.

Tio precipe estas grava por la juro de la



venos des pli frue, je unuece kaj efike unu helplingvo estos disvastigata.

Kion do ni ĉefe volas nun? Nuna ĉefa tasko estas gajni la katolikaron por la ideo de internacia helplingvo, ne unue kiel liturgia aŭ scienca lingvo (kvankam ankaŭ la lasta estus plej grava), sed precipe kiel praktika interrilata lingvo por ebligi interkomprenon, praktikan kunlaboradon sur ĉiuj teritorioj de la religia, socia kaj kultura vivo.

Sed se ni volas impone propagandi tiun komunan taskon, ni devas havi unuecan fronton, kaj forlasi ĉiun dispartiĝon!

Eble pli poste, kiam la fundamenta ideo venkis, kiam la konvinko pri unueca helplingvo estas ĝenerala: eble tiam venos la tempo por pristudi, ĉu estas necese, „plibonigi“ la fundamenton, ĉu ne! Sed tio nur povas estiĝi per vere internacia aŭtoritato, al kiu sin ĉiuj unuanime kaj samtempe submetus!

Intertempe estu nia devizo: Unueco ĝis la fina venko! Intertempe en vere frata spirito ni koncentrigu ĉiujn fortojn. Kaj ni kore invitas niajn karajn fratojn, ke ili dilegente pristudu la ĉefan celon kaj ke ili sincere diru siajn opiniojn, kaj ke ili venu al la granda unueca armeo internacia! Por ni ja la lingvo nur estas **ilo**, ne celo! Des pli facile nin kunigos la unu sama, komuna celo: per internacia helplingvo servi la Dian regnon sur tero. En Kristo

Via pacemulo.

## Diversaĵoj el la internacia movado.

**Ika.** La kongreso de Ika trovis grandan aplaŭdon en la diverslanda gazetaro katolika, precipe en Italio, Aŭstrio, Svislo, Germanio, Ĉeĥoslovakio, Hispanio kaj Polio. „Osservatore Romano“ de 23an de aŭgusto detale raportis pri la kongreso. Pluraj amikoj havis okazon, al la Sankta Patro prezenti la ĉefain decidojn de la kongreso. La Sankta Patro estis tre kontenta. Same nia multmeritinta kunprezidanto Cte Em. de Rougé havis privatan aŭdiencon ĉe Lia Sankteco kaj povis utili nian aferon.

Notu ni ankaŭ, ke nuntempe disvastiĝas denove tre interesaj kalumnioj pri Ika. Kelkaj eĉ diras, ke en Konstanz ĉeestis framasonoj (!!) kaj ke Ika estas entrepreno, sekrete direktata per la framasonaro! Ĉu tiu sufiĉas?!

**Internacia porpaca agado.** La episkopoj de Usono decidis dum sia lasta tutŝtata kunsido, aranĝi en siaj diecesoj novenojn por la paco. Laŭ fidindaj sciigoj tiu noveno okazis kun granda sukceso en multaj diecesoj de la 25an de oktobro ĝis 2an de novembro.

La germanaj episkopoj kunvenintaj dum septembro en Fulda, publikigis tre profundan porpacan cirkuleran leteron al ĉiuj siaj kreduloj, admonante ilin, formeti ĉiun senton de malamo kaj kun Kristo suferi por la paco. La letero multe instigis la porpacan laboron.

**Porpaca konferenco en Reading.** En Reading, Anglio okazis meze de oktobro tre interesa porpaca konferenco internacia, aranĝata de Sro Eppstein. Ĉeestis pacamikoj el diversaj eŭropaj landoj! Flanke de Ika ĉeestis nia kara kunprezidanto de Ika: prelato Dro A. Gießwein. Ni raportos pli detale.

Internacia noveno por la paco. La internacia katolika virina ligo (sidejo en Nederlando) direktas al ĉiuj virinaj asocioj alvokon, ke ili aranĝu novenojn por restarigo de la paco! Certe taŭga vojo por elpeti la kompatemon de la ĉiela Patro!

* * *

La Internaciaj Eŭkaristiaj kongresoj. La konstanta komitato de IEK oficiale sciigas, ke la 27a kongreso internacia eŭkaristia okazos la 2an ĝis 7an (laŭ aliaj sciigoj 22an ĝis 27an) de julio en Amsterdam. La 28a okazos 1926 en Chicago, USA.

* * *

**Internacia sekretariejo por pastraj asocioj.** La 11an ĝis 14an de oktobro okazis en Genova, sub prezido de la tiea arĥepiskopo, interesega kongreso tutitala de la federacio de pastraro. La Sankta Patro per detala saluttelegramo enkuraĝigis la kunvenon, preparata kun eminenta sukceso per la bonmeritinta vicprezidanto de tiu federacio: Msro Nazareno Orlandi. La kongreso pritraktis la aktualajn problemojn de la pastrara vivo en Italio kaj fine ankaŭ la proponon krei internacian sekretariejon de ĉiulandaj pastraj organizoj. Msro Orlandi detale raportis pri la decidoj en Konstanz kaj la kongreso unuvoĉe akceptis la kreon de internacia sekretariejo de aprobitaj pastraj organizoj.

**Nova filio de Ika en Aŭstralio.** Depost jaroj nia senlaca kunlaborantino Fino Maud Helm kun granda sukceso laboras en Melbourne. Nun ni povas ĝoje sciigi, ke nova filio kreiĝis en Sydney. Prezidanto estas la famkonata katolika pioniro Sro O'Donoghoue, sekretario Sro Bauer. Lia ĉefepiskopa Moŝto Kelly bonvole benis la novan grupon kaj Msro Sheehan prezidis la fondan kunsidon, kiu okazis kun belega sukceso. Saluton al niaj karaj samideanoj! Dio benu ilian laboron!

**Pri diversaj aliaj grupoj, kiuj sendis raporton, ni raportos en sekvonta numero.**

lingvaj aŭ naciaj aŭ religiaj malplimultoj kaj mi permesas al mi ĉi tie aldoni pripensindaĵon: estas devo de ĉiu ŝtato zorgi por bonfarto de la ŝtatanoj; do la ŝtato havas la saman devon por ŝtatanoj, kiuj apartenas al iu lingva, religia aŭ nacia malplimulto. En kiu grado la ŝtato malrespektas tiun zorgon, ĝi donas rajton al la najbaroj interveni por protekti la malplimulton. Dum la lastaj jaroj cetere la protektado de la malplimultoj estas objekto de la positiva internacia juro.

## C. La kristana amo al la patrolando kaj la internaciaj devoj.

Pio XI[a] kondamnas la troigitan kaj senliman amon al la propra lando kaj popolo, kiu estas maljusteco kontraŭ la aliaj popoloj kaj fonto de multaj maljustaj kaj malekvaj agoj. Samtempe tamen la Sankta Patro diras, ke la vere kristana amo al la patrolando kaj propra popolo estas fonto de multaj virtoj kaj grandanimaj agoj. Certe, la vera patriotismo havas gravan placon inter la kristanaj virtoj.

La diferenco inter la kristana kaj nekristana patriotismo estas jena: la unua servas al la propra patrolando kaj popolo, sen lezi la rajtojn de aliaj popoloj, same kiel bona kristano servas la propran familion sen lezi perforte la rajtojn de aliaj. La dua tamen opinias, ke oni povas servi la propran ŝtaton per lezado de rajtoj de aliaj popoloj.

La fundamento de ĉiu vera patriotismo estas la vera internacia juro, kiu instruas: kion vi ne volas, ke ĝin faru al vi la aliaj, tion vi ne faru al la aliaj, aŭ positive: amu vian proksimulon kiel vin mem.

Nia laboro internacia nur estos efika, se ni ĉiam aplikas la tutan verecon katolikan kaj ne nur partojn aŭ pecetojn! Do se ni parolas pri niaj devoj por la homaro, ni neniam devas forgesi la propran landon, kaj se ni definas la devojn por la patrolando, ni neniam devas forgesi la kristanajn devojn por la tuta popolaro, homaro.

## Recenzejo.

### Internacia literaturo.

**Bulletin Paroissial Liturgique,** eld. Abbaye de Saint-André par Lophem, Belgio, dusemajne; prezo 10 b. fr.

Tiu modela liturgia revuo estas la plej bela kaj rekomendinda el ĉiuj al ni konataj liturgiaj revuoj. Tie fakte vivas la spirito de la sanktaj misteroj liturgiaj. Kiu komprenos la francan lingvon, ne preterlasu legi la revuon.

**Das Lied des Lebens** de Dro Maurits de Baets, trad. germ. P. Max Kassiepe, Schöningh, Paderborn; 1·65 g. m.

„La kanto de vivo." Ĝojiga verko! Misteroj el la mistera vivo de Dio. Kunvivo de la nuturo, de la homo kun Dio! La Papo, al kiu estas dediĉata la origina franca verko, entuziasme laŭdis ĝin! Bedaŭrinde estas nur, ke tiaj perloj de la katolika literaturo ne povas aperi en Esperanto! Kiam finfine tio okazos? Kiu provas la tradukon?

**Dux spiritualis** de P. Ponte, S. J., Pustet, Regensburg, Germ. 3 vol., broŝ. po 3·50 g. m., bind. po 5·— g. m.

Por pastroj kaj pastriĝontoj plej rekomendinda kondukilo al la spirita vivo.

**Certamen spirituale** de Scupoli sama eldonejo, sama prezo.

Scupoli ne bezonas rekomendon. La eksteraĵo de ĉiuj verkoj de tiu internacia eldonejo (tipografisto de la Sankta Apostola Seĝo) estas bela kaj tre solida.

### Esperanto-literaturo.

**Ekzercaro** de L. L. Zamenhof, Ellersieck & Borel, Berlin SW, Wilmstr. 5; prezo 0·30 g. m.

Praktika eldono de la ekzercaro, eltirita el la fundamento; taŭga kiel legolibreto por kursoj.

**Esperanto for young beginners,** British Esperanto Association, 17 Hart Str., London WC 1.

Vere praktika lernolibro por infanoj kaj junuloj. Angle!

**Garboj** de K. Tauchmann, Paŭlus-eldonejo, Graz, 100 paĝoj; 1·— sv. fr. = —·80 g. m., ŝl. ktp

Nova legolibro! Unu pli! Sed ŝajnas al mi ne superflua. La elekto estas certe feliĉa. Fabloj, fabeloj, rakontoj, priskribaĵoj internacie konataj, tie estas esperantigataj en bela, simpla stilo: por infanoj kaj komencantoj plej rekomendinda. Jam konante la ĝeneralan enhavon de la apartaj artikoletoj, la lernanto des pli facile trovos la sencon kaj ĝojos pli rapida progreso. Ankaŭ progresintoj kun granda plezuro legos la verkon. La kelkaj preseraroj maloftaj facile estos forigeblaj ĉe dua eldono. S. S.

**Ĉi tiujn kaj ĉiujn aliajn librojn oni mendu ĉe Paŭlus-eldonejo!**

## Sciigoj.

**Novaj flugfolioj pri Ika aperas en angla, franca, itala, germana lingvoj; ili estas kvarpaĝaj, enhavas la programon kaj la sekciojn de Ika kaj sur tria kaj kvara paĝo leterojn de altrangaj eklezia princoj. Ili aperos ankaŭ en Esperanto. Kontraŭ repago de la memkostoj riceveblaj ĉe Ika-oficejo, Graz.**

**Por la porpaca festo aperis speciala flugfolieto „Friede auf Erden" en germana lingvo. Mendu ĉe Ika.**

**La kongresraportoj eliras en germana kaj franca lingvoj; prezo 0·15 s. fr.**

**Helpagado por daŭrigo kaj plibonigo de K. M.: La malfacila situacio financa de K. M. daŭras pro la neordigataj financaj rilatoj en multaj mezeŭropaj ŝtatoj! Helpagado estas nepre necesa. Kiu sendas kristnaskan donacon por K. M.? Ĉiuj donacontoj estos publikigataj en K. M.**

**Nova aranĝo: Laŭ deziroj de multaj amikoj K. M. devus aperi en jarkolektoj, komencante la 1[a] de januaro kaj finante la 31[a] de decembro. Pro diversaj cirkonstancoj tio ne estas tuj realigebla je la 1[a] de januaro 1924, sed nur je la 1[a] de januaro 1925. Ĉar la kvara kolekto, komenconta je 1[a] de marto 1924 finos je 1[a] de decembro 1924. Kaj tiam aperos kompletaj jarkolektoj de po 12 aŭ 24 numeroj.**

**Ne forgesu la helpagadon por K. M.**

## Anoncetoj.

La kostoj por dufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la preson de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato. Antaŭpago kondiĉo!

Ĉiuj katolikaj kolektantoj interŝanĝas, aĉetas aŭ vendas ĉiulandajn kaj ĉiuspecajn poŝtmarkojn ĉe „Mikro", Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

Kora peto. Neniu el niaj legantoj forĵetu afrankitajn kovertojn, kartojn, poŝtmarkojn ktp. Kolektu ĉion zorge kaj ensendu ĝin al „Mikro", Graz, Karmeliterplatz 5, por subteni la mision de Blanka Kruco.

Gesamideanoj helpu enkonduki E[on] ĉe la komercistoj kaj industriuloj; donu komisiojn! Por ĉiujn fakoj akceptas komisiojn: Peter Becker, del. de UEA, Mainz, Aŭgustinerstr. 58, Germ.

Prof. Dro Pilger, Passaŭ, Bavario, deziras korespondadi kun ĉiulandaj amikoj precipe pri paca movado.

Korespondadi deziras per pk. kaj let. jenaj samideanoj el Tetschen a. d. Elbe, Ĉeĥosl.: Erna Krolup, Bürgerstraße; Thilde Müller, Marktplatz; Lisel Michel, Mühlgasse; Berta Michel, Annagasse; Emi Köhler, Tetschen-Laube; Erich Hiekisch, Kamnitzerstr. 578; Hans Hiekisch, Kamnitzerstr. 578.

Josef Nießen, stud. theol., Albertinum, Bonn, Germ., deziras korespondadi (france) precipe kun franca studento.







## !!! Germanaj abonintoj !!!

La prezo por la dua duonkolekto estas 0·40 o. m. aŭ 5000 aŭ. kr. La germanaj abonintoj povas senpere aboni ĉe la Poŝt-oficejo en Graz (Hauptpost). Por plifaciligi la abonpagon ni akceptas ankaŭ monatan enpagon de 0·10 o. m. = 1000 aŭ. kr.

**Sed nepre pagu tiun modestan sumon!**

## Abonprezoj de K. M.

**Unueca internacia abonprezo de K. M. por la 3[a] kolekto** (10 numeroj) **estas 3 svisaj (oraj frankoj)** Abonintoj el malbonvalutaj ŝtatoj, kiuj fakte ne povas pagi tiun sumon, **povas** havi konvenan **rabaton** laŭ sekvonta modelo. Do abonprezo minimuma estas:

**Bonvalutaj ŝtatoj:** 3 oraj frankoj, ekz. Svislando, Anglio, Hispanio, Danio 3 fr.; ŝl.; pes.; kr.; Nederlando 1.50 fl.; Usono —.60 d.

**Mezvalutaj ŝtatoj:** ĝis 50% rabato; ekz. Francio 5 fr.; Italio 6 l.; Litovio 4 l.; Ĉeĥosl. 10 ĉ Kr.

**Malaltvalutaj landoj:** ĝis 66% rabato ekz. Jugoslavio 15 din.; Bulgario 20 l.; Rumanio 30 l.

**Plej malaltvalutaj ŝtatoj:** provizore ĝis 75% rabato ekz. Aŭstrio 10.000 aŭ. Kr.; Hungario 4000 hg. Kr.; por **Polio** ni provizore nur akceptas **duonkolekton** kun prezo de 5000 aŭ. kr. Ĉiuj ŝtatanoj de tiu kvara klaso povas enpagi ankaŭ en aŭstraj kronoj (10.000 por kolekto).

Oni pagu ĉe niaj poŝtkontoj aŭ naciaj abonejoj. Por ŝtatoj, kie ne ekzistas malgranda papermono, oni pagu samvaloran sumon en alia konstanta valuto. Kie nacia abonejo au poŝtkonto ne ekzistas, oni pagu senpere per enskribita letero al Katolika Mondo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

**Nur abonintoj el Aŭstrio kaj Germanio povas senpere aboni per la poŝto.**

## Naciaj abonejoj de K. M.

Por faciligi la abonpagon ni sciigas ĉi tie naciajn abonejojn de K. M. La prezo estas por kolekto de 10 numeroj. Abonintoj el nenomitaj ŝtatoj plej bone pagu per enskribita letero al K. M., Graz, Aŭstrio, Karmeliterplatz 5.

### Abonejoj.

**Anglio:** Mr. J. E. Hookham, 45 Holmesdale Road, Hampton Wick, Middlesex.
**Aŭstralio:** F[ino] Maud Helm, 22 Falconer str., Fitzroy, Melbourne (3 ŝl.).
**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; elpetu poŝtpagilojn! (10.000 kr.)
**Belgio:** F[ino] J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers (5 b. fr.).
**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** S[ro] Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro (3 mr. aŭ 5 fr. fr.).
**Ĉeĥoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per S[ro] Fr. Buhr, Praha-Prevnov 257 (10 č. kr.).
**Francio:** S[ro] Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482) (5 fr. fr.).
**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 70.269, Paulus-Verlag, Karlsruhe (0·80 o. M. = 10.000 aŭ. kr.).
**Hispanio:** Prof. Mariano Mojado, Abascal 13, Prâl A, Madrid (3 pes.).
**Italio:** Prof. Modesto Carolfi, Corte maggiore, Piacenza (6 l.).
**Jugoslavio:** P[ro] Ambr. Benkoviĉ, Zagreb, poŝtfako 109 (15 din.).
**Litovujo:** S[ro] Maĉernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas (4 lid.).
**Rumanio:** Esperanto-Centro Rumana, Alea Suter 19, Bucuresti (30 l.).
**Usono:** S[ro] A. Vidikovski, 2833 Livingstonestr., Philadelphia (0·60 dol.).

Posedanto, Eldonejo: Paŭlus-eldonejo (Ika), Graz, Karmeliterplatz 5. — Responda redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterplatz 5. — Presistejo: „Styria", Graz.